# THE BRITISH ESPERANTIST

*with which is incorporated*

INTERNATIONAL LANGUAGE

Vol. XXXIII., No. 451/52 Nov./Deç. 1942


# LINGUA FRANCA, PIĜIN, KAJ ALIAJ PARENCETOJ DE ESPERANTO


**W. E. COLLINSON, M.A., Ph.D.**


Kiam kontaktiĝas popoloj diverslingvaj, kiuj spertas bezonon de interkomunikado, ili povas elekti inter pluraj alternativaj solvoj de sia problemo.

(1) *Unu popolo forlasas tiucele sian gepatran lingvon kaj alprenas la alian.* Ekz., niaj Britaj praavoj akiris la Latinan lingvon, kiel oni povas konkludi el la granda procento de Latindevenaj vortoj restintaj en la Kimra.

(2) *Ĉiu popolo retenas sian propran lingvon, sed lernas la alian, almenaŭ sufiĉe por ĝin kompreni.* Ekz., la Svisoj, kun 4 oficialaj lingvoj (Franca, Germana, Itala, Ladina), kaj la Unio de Sudafriko, kun lingvoj Angla kaj Afrikansa—de 1909 sur sama nivelo.

(3) *Ambaŭ kontaktpopoloj povas alpreni por interkomunikado trian neŭtralan helplingvon,* ĉu nacian (la mezepoka Latina), ĉu konstruitan (Esperanto).

(4) *Pli primitiva popolo alprenas la lingvon de siaj estroj, sed simpligas kaj modifas ĝin, entrudante sian propran parolmanieron kaj stilon, ĝis estiĝas tute nova kompromislingvo.* Ekz., "Lingua franca", "Piĝin-angla", k.t.p., pri kiuj temas en ĉi tiu artikolo. La ĵus menciita solvo estas kelkfoje serioze rekomendata—eĉ de eminentuloj kia Bernard Shaw—kiel internacia helplingvo estonta. Do al ni Esperantistoj decas informiĝi kiom eble pri la kvalitoj de tiaj lingvoj. Feliĉe, kelkaj el la plej lertaj lingvoscienculoj sin okupis pri la esplorado de Lingua Franca, Beach-la-mar, k.t.p., precipe la Aŭstra profesoro Hugo Schuchardt, kiu cetere defendis la ideon de konstruita internacia lingvo. Ankaŭ verko de Jespersen, *Language, its Nature, Development, and Origin* (Londono, 1922) enhavas tre utilan resumon kun bibliografio, kies informojn oni povas suplementi per bone ellaborita ĉapitro en la verko *Language* (New York, 1933) de Leonard Bloomfield.

La piĝin-lingvoj estas klasigeblaj jene:

(*a*) *Kun bazo Angla.* Ekz., *Pidgin English, Beach-la-mar, Negro English* (en Okcidentafriko kaj en Ameriko).

(*b*) *Kun bazo Franca.* Ekz., la *Kreola* de Maŭricio, de Ameriko, k.c.

(*c*) *Kun bazo Hispana.* Ekz., *Negro-hispana, Filipin-hispana,* k.c.

(*d*) *Kun bazo Portugala,* antaŭ tri jarcentoj tre disvastigitaj. Ekz., *Negro-portugala* de Kabo Verda, Senegambio, Golfo de Gvineo. (Vidu Schuchardt en la *Zeitschrift für romanische Philologie,* Vol. 12, p. 242).

(*e*) *Kun bazo Nederlanda.* Ekz., en la Antiloj.

(*f*) *Kun bazo Norvega.* Ekz., *Russe-norsk.*

(*g*) *Kun bazo el indiĝena lingvo.* Ekz., *Chinook jargon, Lingoa Geral* (de Brazilo).

Pli frue ol iu ajn el la lingvoj ĉi-supraj aperis la *Lingua Franca.* Laŭ Schuchardt (*Zeitschrift für romanische Philologie,* 33, 441–461), *Lingua Franca* estis dialekto konsistanta el Latinidaj materialoj, kiu evoluis dum la mezepoko kiel komunikilo—precipe sur la suda kaj orienta marbordoj de la Mediteraneo—inter la Latinaj nacioj (Hispanoj, Francoj, Italoj) unuflanke, kaj la Turkoj kaj Araboj aliflanke. Sub la nomo *Sabir* ĝi estis uzata preskaŭ ĝis hodiaŭ. Ĝia plej grava karakterizilo estas la simpligo de la gramatiko. Ekz., **mi** (**ti,** k.t.p.) **sentir,** *mi komprenas;* **mi sentito,** *mi komprenis;* **mi andar,** *mi iras;* **mi andato,** *mi iris;* **bisogno mi andar,** *mi iros;* k.c. La objekto de verbo povas indikiĝi per la uzo de la prepozicio **per,** kiel poste en Kreolportugalaj dialektoj kaj—en la formo **fer,** post modifo en Nederlanda—en Afrikansa. Enfiltriĝis sufiĉe multe da Arabaj vortoj: ekz., **rai,** *paŝtisto;* **rubâ,** *fonto,* **usif,** *sklavo.* Eble la ĉie trovata piĝinaĵo "savvy" devenas de Lingua Franca, ĉar **saber** (=*povi*) estis ofte uzata vorto. Jen specimeno de tuta frazo: **Mirar como mi estar barbero bono y saber curar, si estar malato:** *Rigardu, kia bona barbiro mi estas kaj (kiel) mi povas kuraci (vin), se (vi) estas malsana.*

(*a*) *Piĝin,* t.e., la trafiklingvo de la ĉinaj komerc-urboj kaj havenoj, estis konata jam en la mezo de la 18-a jarcento, de kiam datas la citaĵo (el Jespersen): **He no cari Chinaman's joss, hap oter joss:** *Li ne adoras la dion de Ĉino, havas alian dion.* La vortaro, altprocente Angla, riĉiĝis per aldonoj el pluraj lingvoj. Ekz., **joss** (el Port. Deos); **chit** (*mesaĝo, letero*) el Hindustania; **chinchin** kaj **chowchow** el la Ĉina. La Ĉina ankaŭ influis la

konstruadon. Ekz., la enmeto de **piecee** *peco* inter nombron kaj substantivon. Troviĝas multsignifa prepozicio **belong,** kaj—en lokaj esprimoj—**side (topside, farside).**

*Beach-la-Mar* (el la Franca *bêche de mer*, "tripango", Angle "sea-slug"), kiun oni uzas multloke en la Okcidenta Pacifiko (Novgvineo, Salomonaj Insuloj, k.a.) estas zorge priskribita de H. Nevermann en *Englische Studien* (63, 252–258). La Angla fundamento modifiĝis fonetike. Ekz., *matches*=**matete ;** *man of war*=**manua.** La vortaro enprenis Polineziajn elementojn. Ekz., **kai kai,** *manĝi, manĝo, nutraĵo ;* **kanaka,** *homo ;* kaj transmarajn piĝinvortojn, kiaj **piccaninny, sabbi, kalabug** (*karcero*), pere de maristoj. La gramatiko estas ekstreme simpla. Ekz., **me no sabbi find em,** *Mi ne povas trovi lin ;* kaj **spos me catch him grass, he die he stink ;** *Se mi eltiros tiun kreskaĵon, ĝi mortos kaj putriĝos.* Ankaŭ en Beach-la-Mar **belong** estas ĉionfarulo. Ekz., **place belong sleep,** *lito, dormejo ;* **make belong paper,** *skribi, pentri, fotografi.* Pro la malgrandeco de la vortaro unu vorto havas plurajn signifojn. **Cry**=ne nur *plori, krii*, sed ankaŭ *kanti, ludi*—kiel ĉe la esprimo por fortepiano (citita de Jespersen) : **big fellow bokkus** (*box*) **you fight him he cry** (se tio ne estas ŝerco de Eŭropano). **Paper** povas signifi *kontrakto ;* **lose** ankaŭ *forgesi ;* kaj **talk,** *paroli, diri, demandi, respondi, prononci, prediki.*

La *Negro-angla de Afriko* (pritraktita de P. Grade en la gazeto *Anglia*, 14, 362–393) disvastiĝis en Sierra Leone kaj Liberio laŭlonge de la Gvinea marbordo. Ĝi uzis por artikoloj **them (them house)** kaj **one,** forigis la genitivon (**me father house, them house for me father**), kaj esprimas la estontan tempon per **can** aŭ **live for (him never can die, me live for take, one steamer live for come).** **Book** signifas krome *letero ;* **chop** estas *manĝi*, kaj **go wash** implicas *marbanon.* El la Portugala **palabra** (*parolo*) devenas **palaver.** Ekz., **make palaver,** *disputi ;* aŭ **him no be me palaver,** *li ne estas mia afero.* Specimena frazo estas **Massa, me no fit hear—me ne sabe you mean !** *Sinjoro, mi ne povas aŭdi, mi ne scias, kion vi volas diri.* En *Anglia* (20, 397–403), Henrici montras la influon de la Ewe-lingvo sur ĉi tiun dialekton.

La *Negro-anglaj lingvoj de Ameriko* estas trafe prezentataj en la rakontoj pri Brer Fox kaj Brer Rabbit de Joel Chandler Harris (Uncle Remus), en la Annancy-folkloro de Jamajko (W. Jekyll, *Jamaican Song and Story*, Londono, 1907), k.a. Lastatempe eldoniĝis ĉarma romano *Corentyne Thunder*, de Edgar Mittelholzer (miksrasulo de Angla, Franca, Germana, kaj Negra deveno), en kiu estas multaj dialogoj en la piĝino de Brita Gujano. Jen specimenoj : **Dis year crop na go pay good, too much rain fall,** *Ĉi-jare la rikolto ne estos profitodona, ĉar falis tro da pluvo ;* **Me na see nuthen wrong wid e,—e does mek me laugh plenty.** *Mi ne vidas ion malbonan je li—li multe ridigas min.* Tiaj frazoj ŝajnas al mi multe pli naturaj kaj hejmecaj, ol la rigidaj kaj sensukaj esprimoj de Basic English.

(*b*) Pri la *Kreolfranca dialekto de Maŭricio*, oni konsultu la nomitan verkon de Jespersen ; pri tiu de la *Maskarenoj*, la artikolon de Dietrich en *Romania* (20, 216–277). Aliajn verkojn pri la dialektoj de Afriko kaj la Ameriko (inkl. la Antiloj) listas George S. Lane en *Notes on Lousiana French* (*Language* 11, 5–16). La laste menciita dialekto havas sistemon de konjugado pli regula ol la Franca bazlingvo ; ĝi memorigas pri la strukturo de Esperanto (kaj la Angla). Ekz., **mo kup,** *Mi tranĉas ;* **mo m'ape kup** (*estas -anta*) ; **mo kupe** (*-is*) ; **mo te kupe** (*-adis*) ; **mo te pe kupe** (*estis -anta*) ; **mo sa kupe** (*estos -inta*), k.s. Tipa frazo estas **Buki te si las, ke li te pi kapab travaj,—li di ke je se dŭat poze,** *Buki estis tiel laca, ke li (ne) eĉ estis plu kapabla labori—li diris, ke ili devus ripozi.*

(*c*) Pri la *Kreolhispanaj dialektoj*, oni konsultu la artikolon *Creole* (*lingue*) en la *Enciclopedia Italiana ;* ankaŭ ĉe Lane (vidu supre). La verso "Ĉar Dio tiel amis . . ." (Joh. 3. 16) tradukiĝas en la Papiamenton de Curaçao : **Pasoba Dios a stima mundu asina tantu qu' El duna su unicu Yiu pa tur qu quere den djé, no bai perdí, ma haya bida eternu.**

(*d*) Pri la *Kreolportugala* (Hinda-, Ĉina-, Malaja-, kaj Negra-portugala), oni konsultu la artikolojn de Schuchardt en *Zeitschrift für romanische Philologie* (Vol. 12 kaj 13).

(*e*) Pri la *Kreolnederlandaj dialektoj*, vidu Van der Meer : *Historische Grammatik der niederländischen Sprache* (Heidelberg 1927, p. XL–XLIX), kun bibliografio. Kiel specimeno de Kreoldialekto de la insulo S-ta Tomaso (Danaj Antiloj) povas servi la unuaj versoj de la Patronia : **Wi Tata na hemel, joe nem moe de santa ! Joe kondre moe kom ! Joe wani moe go doro na grontapo so leki na hemel ! Gi wi tidei da njamnjam vo wi !**

(*f*) **Russe-norsk,** laŭ O Brock (*Archiv für Slavische Philologie*, 41, 209–262) estas komunikilo sur la Arkta marbordo de Norvegujo inter la nordrusaj Pomoranoj de la Blanka Maro okcidente de Archangelsk, kaj la Norvegaj fiŝistoj, kiuj liveras fiŝojn kontraŭ avena faruno. Menciite jam en la jaro 1841, la miksdialekto preskaŭ malaperis post la lasta milito. Onidire la Norvegoj imagas sin parolantaj Ruse, kaj la Rusoj Norvege! Denove ni vidas senbalastigon de la gramatikaj formoj. Ekz., **moja** (Ruse)=*mi, mia.* Kelkaj salutoj kaj ĝentilaĵoj estas rusdevenaj. Ekz., **stoberi motrom,** *bonan matenon ;* **spasiba,** *dankon ;* **koroŝo,** *bone.* Demandvortoj ofte enhavas la Rusan vorton **kak** (=*kiel*). Ekz., **kak nam,** *kiu nomo ;* **kak sort,** *kiu speco ;* **kak pris,** *je kiu prezo.* **Kak** eĉ povas utiliĝi kiel la Esperanta **ĉu.** Ekz., **Kak ŝprek po norsk ?** *Ĉu vi parolas Norvege ?* Sendube maristoj alportis la Anglaĵojn **kaptejn, vater,** *akvo* (Norv. *vann*) ; **drinkom,** *trinki* (Norv. *drikke*). La bazo estas pleje Norvega, sed la vortordo povas esti Rusa. Ekz., **Kanske lita ĉai drinkom ?** (*Ĉu*) (*vi*) *eble* (*volas*) *trinki iom* (*da*) *teo ?*

(*g*) Pri la *Ĉinuka ĵargono* jam skribis en *The British Esperantist* (1935, Feb., p. 29) la bone konata pioniro de Esperanto S-ro R. H. Geoghegan. Ankaŭ Jespersen prezentas multajn trajtojn en la supre menciita verko *Language.* Poste venas artikolo, kiun eldonis en la gazeto *Language* (8, 27–50) D-rino Melville Jones ; sed la ĵargono tie priskribita estas (laŭ Boas, *Language*, 9, 208–213) varianto de Ĉinuk kun Clackamana bazo. Boas mem lernis la aŭtentan Ĉinukon en la jaro 1885, kaj donas specimenojn de frazoj kaj kantoj ; inter ili la frazon **ikt man yaká kulí kopa lamótai yaká tiki lap lemŭto,** *iu viro,* [*li*] *sendis* (*iun*) *al la monto, li volis paŝti ŝafojn.* Nuntempe la "ĵargono" preskaŭ formortis ; sed antaŭ 60 jaroj, de Suda Oregono ĝis Alasko en la tuta regiono okcidente de la Roka Montaro, oni uzis ĝin kiel interparolilon inter almenaŭ naŭ Indianaj gentoj ; inkluzive eĉ de la Iroquois de Hudsona Golfo. La vortaro

enhavas diversajn elementojn. Ekz., sonimitaj vortoj (eĥovortoj) de la Ĉinuk-indiana lingvo, Anglaj vortoj, kiaj **blum** (*balailo*), **stick,** *arbo, ligno* ; **stick skin,** *arboŝelo* ; k.t.p., kaj multe da vortoj Francaj. Ĉi tiuj ofte troviĝas kun algluita artikolo. Ekz., **lahaŝ,** *hakilo* ; **lapûl,** *kokino* ; **lamótai** kaj **lemûto** en la specimena frazo. (Komparu la Kreolfrancan de Afriko kaj de Ameriko. Ekz., Louisiana **latet,** *kapo* ; **dile** (el *du lait*), *lakto*). Oni formas laŭvole kunmetaĵojn ; kaj por esprimi iun ajn agadon oni disponas je vorto **mamuk,** kiu estas preskaŭ tiel universala kiel **-um** en Esperanto. Ekz., **mamuk lapoel,** *friti* ; **mamuk blum,** *balai* ; **mamuk tintin,** *sonorigi*.

Por kompletigi la bildon de mikslingvoj, ni ne forgesu la *Ciganajn piĝinojn*. La pura lingvo de la Ciganoj devenas de antikva Hinda dialekto kaj ĝi ankoraŭ estas parolata de kelkaj familioj en Kimrujo (vidu John Sampson : *The Dialect of the Gypsies of Wales*, Oxford, 1926). Sed en Anglujo la plimulto uzas kompromisformojn, kiel montris G.G. Leland en *The English Gipsies and their Language* (Londono, 1873), kaj *The Dialect of the Derbyshire Gypsies* (1832–3) (eldonita de J. Sampson en la *Journal of the Gypsy Lore Society*, 3-a serio, V, 1926).

La lingvoj priskribitaj venis en ekziston por plenumi bezonojn de socioj, el kiuj unu staris sur pli alta kulturnivelo ol la alia. Kiel Jespersen trafe diris, ili estas *makeshift* aŭ *surogataj* lingvoj. En ili la blankulo kutimiĝis paroli "malsupren" al la kolorulo, uzante kvazaŭ beblingvaĉon, aŭ—kun aroganta mokemo—farante groteskajn ŝercesprimojn. Samtempe la indiĝeno renkontis la estran nacion duonvoje ; modifante la sonojn, por ilin konformigi al sia propra parolsistemo, kaj forigante ĉiun gramatikan komplikaĵon. Ilia posta evoluado povas iri laŭ du apartaj vojoj : aŭ la piĝino iom post iom proksimiĝas al la estra lingvo (kiel ofte en Usono, pro edukado), aŭ—izolite de la estra lingvo—ĝi fariĝas lingvo sendependa, nove organizita, eĉ gepatra lingvo de tuta socio. Tian staton montras la Saramakka-negroj de Surinamo, kies lingvon Schuchardt priskribis en *Die Sprache der Saramakkaneger in Surinam* (Amsterdam, 1911), kaj Bloomfield en sia *Language*. Ĝia deveno estas jena. Jam en la mezo de la 17a jarcento venis al la Anglaj tabak- kaj suker-plantejoj de Surinamo Portugalaj Judoj, rifuĝantaj el Brazilo kaj Cayenne, kies sklavoj parolis Negro-portugalan piĝinon. Poste venis Nederlandaj kolonianoj. Do ne estas mirige, ke la lingvo, kiun evoluigis la idaro de la sklavoj, kunfandis elementojn Portugalajn, Anglajn, kaj Nederlandajn. Ekz., el la Portugala : **drummi,** *dormi* ; **djumbi,** *plumbo* ; **fanija,** *faruno* ; **buka,** *buŝo*, k.t.p. ; el la Angla : **dotti** (*dirty*), *tero* ; **sondi** (*something*), *io* ; k.s. Eble per influo de atavismo la Afrikaj karakterizoj emis pliiĝi, precipe la tonoj, kiuj memorigas pri la tonlingvoj de Gvineo. Ke hodiaŭ la *Jew Tongo* (t.e. Juda lingvo) de la miksrasuloj ne plu estas tuj komprenebla de Eŭropano, evidentiĝas el jena specimeno (citita inter aliaj de Bloomfield) : **piki maĉau fa gan pau,** *eta hakilo faligas grandan arbon*.

La plej ofte citita ekzemplo de lingvo laŭdire senkreoligita estas la *Kabholanda* aŭ *Afrikansa*. La kolonio fondita en 1652 de Van Riebeck konsistis unue el sudnederlandanoj, al kiuj venis post 1687 Francaj hugenotoj, kaj poste Germanoj kaj Angloj. Parolante Nederlande al sklavoj el Cejlono kaj la Malaja Insularo, kiuj parolis Portugalan piĝinon, la koloniistoj ne nur uzis Portugalajn kaj Malajajn esprimojn, sed ankaŭ senŝeligis la Nederlandan gramatikon. Portugaldevenaj estas **aja,** *vartistino* ; **mealies ;** kaj la uzo de prepozicio **fer** (Port. *per*) por indiki la objekton de verbo. Malajaĵoj estas **baaie,** *multe, tre* ; **doepa,** (Angle *dope*) ; **coolie, sambok.** Kvankam kaŭze de kulturinfluo, kaj precipe la konservado de la Staten-Biblio, 99% de la vortaro nuntempe estas Nederlanda, la lingvo estas tre facile lernebla de Angloj, kiel oni povas konkludi el frazoj kiaj **die boek le op die tafel,** *la libro kuŝas sur la tablo* ; **die pos sal môre kom,** *la poŝto venos morgaŭ* ; kaj **die man drink water uit'n glas,** *la viro trinkas akvon el glaso*. En la verba konjugado la sola fleksio estas la participa prefikso **ge-** (**lees,** *legi, legu* ; **ek lees, het gelees, sal lees, sal gelees het, sou lees, sou gelees het**). Konsultu *Brush up your Afrikaans* (J. N. Tromp, Londono, 1941).

Por ni Esperantistoj la plej interesaj trajtoj de Kreol- aŭ Piĝin-lingvoj estas precize tiuj, kiuj estas komunaj al ili kaj al Esperanto mem. Ni povas ĉi tie resumi kelkajn similaĵojn. (1) *Simpligo kaj adaptado de sonoj*, kaj *fortranĉo de pezaj silaboj* (Ekz., Lousiana **garde,** *regarder* ; **te,** *était* ; **poze,** *reposer*. Komparu Esp. **koni,** *connaître* ; **penti,** *repentir*). (2) *Maksimuma simpligo de gramatikaj formoj* : fenomeno, je kiu la kreol-lingvoj estas eĉ pli antaŭenemaj ol Esperanto, kiu konservas la akordiĝon de adjektivo kun la substantivo, kaj la akuzativan kazon. (3) *Ambaŭ lingvotipoj uzas grandamplekse vortkunmetaĵojn*. Ekz., en Jew Tongo : **honi,** *abelo* ; **honikaka,** *vakso* ; **honiwatra,** *mielo*. Sed la piĝinoj ne havas tiel logikan kaj sistemigitan afiksaron kiel Esperanto. (4) Ambaŭ—por ŝpari radikojn—emas uzi jam ekzistantajn vortojn en senco metafora (bilda) aŭ etendita : Ekz., en Jew Tongo : **hatti,** *koro, kuraĝo* ; **hatti bronn** (t.e. *koro brulas*), *mi koleras*. Kun ili oni povas kompari la—cetere internaciajn—metaforojn **apogi, subteni, starigi,** k.s.

Sume oni rajtas diri, ke Esperanto rilatas morfologie (t.e. en fleksia sistemo kaj vortfarado) kaj sintakse (t.e., en vortgrupoj kaj frazkonstruado), pli proksime al la modelo de la plenaj kulturlingvoj. Ĝi klare indikas la plej gravajn logikajn rilatojn ; ĉe la piĝinoj, kontraŭe, la rilatoj restas implicitaj (subkomprenataj). Por substreki tiun kvaliton, mi provos piĝinigi aŭ Kreoligi la Esperantan frazon *Se infano lernas Esperanton dum du jaroj, ĝi povos tre facile interparoli, sin komprenigi, kaj korespondi kun infanoj ĉie*. Tio fariĝas proksimume : **Supoz pikanini lern Esperanto tongo du pec jar, sabi bonbon parol kompren kaj skrib per pikanini ĉiu lok.**

## ESPERANTO IN PARLIAMENT

(1st October, 1942)

*Mr. J. H. Hollins** asked the President of the Board of Education whether, in view of the increased interest being taken in this country regarding the necessity for an auxiliary international language and the great possibilities thereof in the promotion of a better understanding between the nations of the world, consideration will be given by the Government to the question of teaching Esperanto in schools, at evening classes and through the medium of the British Broadcasting Corporation?

*Mr. Ede:* My right hon. Friend does not feel there is sufficient justification for his encouraging the inclusion of Esperanto generally in the curriculum of full-time day schools, particularly in view of the pressure of other subjects of special importance at the present time. The subject has from time to time been included in the curriculum of evening institutes and, no doubt, if there is a demand, it will be more widely included. The question of lessons through the medium of Broadcasting is a matter for my right hon. Friend the Minister of Information.

*Sir Stanley Reed:* Is there anyone in the United Kingdom capable of speaking Esperanto at the present time?

*Mr. Ede:* I presume there is, because I understand there are at least 600 pupils learning from a certain number of teachers.‡

*Commander Locker-Lampson:* Is not English better than Esperanto?

*Mr. Ede:* The hon. and gallant Gentleman's English, undoubtedly, but I have met specimens of English which are open to doubt.

* Alderman J. H. Hollins, Labour Member for West Ham, Silvertown Division.

‡ B.E.A. has since sent correct information to Mr. Ede.

---

**Esperanto kaj la B.B.C.**—Je 29 Aŭgusto brodkasto el *Radio Oranje* (La Nederlanda stacio de B.B.C.) komenciĝis per ludado de *La Espero*. Poste Nederlanda soldato en la Sudafrika korpuso en Britujo parolis Nederlande pri siaj spertoj kiel Esperantisto k.a., kaj sendis longan Esperantan saluton al kamaradoj en Nederlando.

**B.B.C. Manlibro, 1942,** montras Kristnaskan saluton en Esperanto (pp. 28–9). Estus bone, ke Esperantistoj sendu saluton al B.B.C. en Esperanto proksiman Kristnaskon.

**El "The Scotsman"** (12 Aŭg.)—"One of the reasons why Esperanto has not become generally popular is probably that its use would drastically reduce the possibilities of misinterpretation."

**"Psychic News"** (Sept. 12) reports a lecture given by Mr. H. W. Holmes (of 38 Fillebrook Rd., E.11) to the Marylebone Spiritualist Association on 2 Sept. He quoted a statement by Arthur Findlay in *On the Edge of the Etheric*: "While nationalities generally lived together in the spirit world, there was one language common to all." But on earth there are barriers, economic, religious, and of language. Mr. Holmes advocated the use of Esperanto between Spiritualists of various nations, and quoted correspondence he had himself had in Esperanto with Spiritualists in other countries. Messages had already come from Esperantists on the Other Side through mediums who did not know the language, he stated.

## LETTER TO THE PRIME MINISTER

*The following letter was sent to Mr. Churchill on 9th September:—*

"Dear Sir,

In the course of your speech to the House of Commons on 8th September, you described your recent visit to Moscow, and used these words (or words to a similar effect):—

> The object of my visit was to establish relations of easy confidence in the same way as I had established them with President Roosevelt, and I think, in spite of the extent of the tower of Babel which persists as a sort of barrier, we succeeded to a considerable extent.

"This language barrier, which has made your work so much more difficult than it would otherwise have been, is a problem that will have to be solved in the post-war world if not only negotiations on matters of international relations, but also the affairs of commerce and culture, are to be smoothly and successfully carried on.

"We all appreciate how full your hands now are with war problems. Is it asking too much to request that you pass on this letter to the Minister for Education with a note to the effect that you personally have realized the tremendous handicap of 'the tower of Babel', and with the suggestion that he should consider the teaching of Esperanto, the international language, in our schools?

"Esperanto has already stood the severe test of many international conferences on all kinds of subjects. It has been proved to be an efficient medium of conversation and correspondence by many thousands of people who have used it.

"Peace will return, and in the period of reconstruction not only material things will need rebuilding, but also friendship between the people of the world. Is the language barrier to hamper our efforts?

Yours faithfully,

W. K. Robinson"

---

## NATIONAL COOPERATIVE MEN'S GUILD

At the Thirty-first Annual Conference, held at Leicester, 9–10 May, the following Resolution was carried unanimously:

*This Conference advocates that an international auxiliary language, such as Esperanto, should be adopted to facilitate the spread of future peace aims, and that the appropriate authorities of nations should be urged to include the teaching of Esperanto in the curriculum of their schools.*

---

**"English Soldier"** writes in *Perthshire Advertiser* (9 Sept.): "Here is my solution of a problem much in the public mind at present—that of finding something interesting to do for those away from home, in or out of uniform. I was sent to Perth, knowing no-one, and, not being content to follow the usual after-duty distractions of tramping the streets or haunting the pubs and pictures, was somewhat at a loose end. Thanks to a chance discovery and a subsequent study of Esperanto, I have now a hobby which has provided me with friends and interests in Perth. What is more important: the Esperanto Movement is so widespread that wherever I may be sent in the future, either at home or abroad, I shall be able to contact Esperantists and make effective use of my spare time."

# RECENT LECTURES

**Aug.**
10, **Banbury.** F.o.R.
13, **Banbury.** Co-operative Youth Group.
**Sept.**
1, **Ilford.** Townswomen's Guild.
2, **Surbiton.** Surbiton Youth Group.
3, **Sutton.** Sutton Esperanto Group.
9, **Edmonton.** Co-operative Youth Group.
16, **Romford.** Co-operative Youth Group.
21, **Ealing.** Friends' Meeting House.
23, **Edmonton.** Youth Group.
28, **Bromley.** Co-operative Youth Group.
29, **Peckham.** Lyndhurst Grove School.
**Oct.**
1, **Walton-on-Thames.** Esperanto Group.

It is unnecessary to report on the above list in detail. Several of these meetings have resulted in classes, or in recruits for existing classes or groups.

The influx of invitations to Youth Groups continues and grows: several more are in the offing. Of these groups it may be said in general that many are not yet in proper working order. Some of their members are at present interested mainly in dancing and table tennis, while others are very good soil. At these meetings, anyway, sales have been remarkably high; and an invitation to return in a few weeks to give a lesson is a frequent proof of the interest aroused by the talk.

At the risk of wearisome repetition I again point out that much could be done in the way of procuring invitations to schools and elsewhere, if members were on the look out for local possibilities, and used the literature I can provide for the purpose. I have been much disappointed by the lack of invitations for the autumn (usually the best season), in contrast to the first half of the year. It so happens, however, that this is as well; for owing to a minor operation I shall not now be available till towards the end of the year. But I do ask members to consider what may be possible in their district next year.

M.C.B.

### OPEN-AIR PROPAGANDA

In my opinion the time is ripe for open-air propaganda. It costs nothing except the will. That the public will listen is proved by an experience in Burnley a few weeks ago.

The usual crowd had gathered on the Market Place to hear a Communist speaker. But owing to an accident the speaker could not appear. While the crowd was waiting for a substitute, a local Esperantist mounted the steps and began to address the crowd, which came nearer and steadily increased in size. The speaker dealt with various aspects of Internationalism, showing how even in war-time there was a considerable amount of international agreement, *e.g.*, on the Red Cross, the Postal Union, wave-lengths, red for danger, and musical notation. The audience showed keen interest. When the speaker finally pleaded that Esperanto also should have a place among the things essential for the welfare of mankind, there was not a single dissentient voice. By the time the deputy speaker arrived a large crowd had gathered.

Esperantists should take their place among the open-air propagandists in our cities.

F. PARKER

---

**Internacia Edziĝo.**—*The Children's Newspaper* (29 Aŭg.) raportas la edziĝon de juna Hungaro kun Finlandanino. Ili ne sciis la lingvon unu de la alia: ankaŭ ne la Anglan lingvon. La junulino lernis Esperanton por povi korespondi kun la fianĉo, kaj baldaŭ ĝin parolis flue. Ili renkontiĝis en Islando, de tie vojaĝis al insuloj Faroe, kaj nun laboras en Anglujo, kaj interparolas Esperante. (Mi ne rajtas citi la nomon, sed persone garantias la verecon de la rakonto.—*Red. B.E.*)

---

### MORTO

**Duckworth.**—Je 21 Aŭgusto, S-ro J.W. Duckworth, 64-jara, dum multaj jaroj Prezidanto de la grupo en Halifax.

---

# SMALL ANNOUNCEMENTS—ANONCETOJ

